# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **22/06/2013 Cent dekoka Eldono 22/06/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 250 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**




Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo

http://esperantareradio.blogspot.co.at/

## De helplingvo al kulturlingvo

14 junio

Nun Esperanto estas uzata kiel kulturlingvo kaj tio signifas ke ĝi povas plukreski sen timigi konkurantojn. Nome Esperanto povas plenigi truojn kiujn la angla lingvo - la hodiaŭa internacia helplingvo - ne povas plenigi. Tiuj truoj estas grandegaj. Kaj ja ĝuste la uzo de Esperanto kiel kulturlingvo kondukos al pli da kunfratiĝo en la mondo, do al celo kiun dekomence la kreinto havis antaŭ si. Ni esperantistoj povas esti fieraj kontribui al kunkreskado de la homaro kaj en tiu senco niaj strebadoj kaj klopodoj estas ĝustaj kaj honorindaj. Ni konsciu tamen ke ni bezonas paciencon por plenumi tiun taskon kaj ke kulturlingvo postulas la daŭran klopodon pri alta nivelo de nia lingvouzo. Nur tiel la lingvo povas esti alloga por pli da ambiciaj homoj kaj trovos rekonon en la tuta mondo.. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

# La Sheidow Park Vintra Lernejo

Karaj bahaaj esperantistoj                                         la dekan de junio 2013

Plaĉos al vi ekscii ke proksimume 20 homoj ĉeestis la ĵus finiĝintan tri tagan Vintran Kursaron de Esperanto en Adelajdo, la ĉef-urbo de Sud-Aŭstralio kies tuta loĝantaro estas nur 1.500.000 da homoj.
La tut-nacia Kongreso okazos en Kanbero post ses monatoj. Bv veni.

En ŝtata elementa lernejo (danke al Anne kaj Gordon Coleman) gvidis la kurson tri instruistoj; inter ili Brendan Linnane kaj la fam-konata romanisto Trevor Steele kies edzino Katja (iama volontulo ĉe la Centra Oficejo) ordigis kaj prizorgis la libro-servon kaj entuziasme prelegis pri la Esperanto-movado en Slovakio. Kelkaj el vi memoros de 1997 la nomon, Margaret Furness, kiu faris hieraŭ interesan paroladon pri virinaj vestoj de antaŭ proksimume unu jarcento.

Kvar bahaaj komencantoj (inter ili mia naŭ jara Eddie) diligente studis la zamenhofan lingvon kaj pluraj bahaanoj ludis rolojn en skeĉeto je la ferma ceremonieto.
Ke influ-hava persdevena bahaa komercisto tre ŝatis la etoson kaj kaptis la okazon serioze studi Esperanton dum tiuj tri tagoj ne malhelpos antaŭenigi la principon de universala helpa lingvo inter niaj bahaaj estroj.
Bahaame
Paŭlo



PS Post kelkaj tagoj anonco kiu temas pri mia privata iniciato Esperantistigi la tutan bahaanaron aperos en JARLIBRO 2013

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

# Responde al Volo:



Eĉ en la tute malnova PIV prezidanto estas: tiu, kiu gvidas, prezidas. Ne estas mencio ke tiu persono devas esti viro. "tiu" ne rilatas nur al viroj, sed ankaŭ al virinoj. Do ĉu vere temas pri ŝanĝo de signifo? Estas grave ke ne estu grandaj ŝanĝoj en la lingvo, sed tamen iom da fleksebleco necesas. Nia mondo ne plu estas tiu de Zamenhof. Nun pli gravas la postenoj ol la sekso de la personoj. Ĉu kiam ni parolas pri la agado de iu prezidanto ni ĉiam devas informi pri la sekso de tiu prezidanto? Ĉu ne eblas diri: Jen la listo de ĉiuj pasintaj prezidantoj de iu asocio? Ĉu ni vere devus ĉiam diri Jen la listo de ĉiuj pasintaj prezidantoj kaj prezidantinoj de la asocio? Tro longa solvo. Sed ne maltrankviliĝu Volo, Esperanto restos Esperanto eĉ se nun aŭdiĝas frazoj kiel ŝi estas la kasisto de tiu organizo, eĉ se kelkaj vortoj aldoniĝas al la lingvo kiel "mojosa". Esperanto estu viva lingvo kaj viva lingvo ŝanĝiĝas iomete. Tio normalas. Estas grave ke personoj povu paroli kiel ili volas.

Respondis Nicole

# Esperantistigo de la ses miliona bahaanaro

Ankoraŭ pendas demando rilate al mia anonco aperonta post kelkaj tagoj en Jarlibro 2013 cele al Esperantistigo de la tuta ses miliona bahaanaro; temas pri mia jam du jardeka privata iniciato engaĝi bahaanojn unue pri la principo de universala helpa lingvo kaj due post tiu engaĝiĝo ekigu ilin je serioza studado de Esperanto. Mi ne kulpigas miajn samreligianojn rilate ties relativan nescion pri Esperanto kaj pri Esperantismo ĉar la bahaaj skriboj estas iom kompleksaj pro tio ke niaj centraj Figuroj referencas kvin lingvojn, inkluzive de la zamenhofa. Kiel ajn, mi opinias ke bahaaj estroj serioze kaj plene partoprenos interkonsiliĝojn pri la gravegeco de Esperanto responde al demandoj kaj helpoj de homoj kiuj ne estas bahaanoj. Ĉu vi konsentas?

Amike via

Paŭlo

PS Mi skribos al 'miaj' naŭ komencantoj (fakte ili ĉiuj estas progresintoj) por ke almenaŭ la novaj kursgvidantoj en Whyalla 'kie la forforejo renkontas la maron' ('where the outback meets the sea') kaj apud Victor Harbour kiu probable estas post Adelajdo la turisma ĉefurbo de Sud-Aŭstralio havos oportunon aliĝi al via ret-revuo.

# REALIGAS LA MONDAN PACON

## LA PRINCIPO DE UNIVERSALA HELPA LINGVO

Privata iniciato de bahaa esperantisto Esperantistigi la bahaanaron



**Lidia Zamenhof**···29 Jan 1904 - 5 Sep 1942

**LIBRETO** DE PAUL DESAILLY MARTO 2013

Mendu ĉe la aŭtoro <pauldesailly@yahoo.com> Prezo: 3 eŭroj plus sendokosto (nepagipovaj landoj 1 eŭro)

Senkoste anglalingve elŝutebla ( aprobita de bahaa instanco en 2006 ) jene:

**www.bahaindex.com/documents/The_Principle_of_a_Universal_Auxiliary_Language.pdf**

Havebla senpage kaj senkopirajte en Esperanto de la aŭtoro per Word-dokumento.




**Unu el la libroj de Trevor Steele nun ekzistas ankaŭ en la franca lingvo.**

informis Nicole.

Trevor skribis la sekvantan historieton

Grupo da francaj esperantistoj konvinkiĝis, ke "Flugi kun kakatuoj" interesus ankaŭ neesperantistajn franclingvulojn.

Ginette Martin transprenis la taskon kunordigi la tradukadon, kaj en ŝia teamo estis eble dek du kolegoj. La laboro harmoniigi tiom da diversstilaj kontribuoj daŭris monatojn. La tasko trovi eldonejon estis alia granda peno por Ginette.

Fine la ĉeĥa esperantisto Petr Chrdle, posedanto de la eldonejo KAVA-PECH konsentis eldoni, kaj la libro estas nun havebla en tri lingvoj: la originala Esperanto, la angla, kaj la franca.

**Kara Roger**
**Mi dankas vin pro la – kiel ĉiam – interesa novaĵletero.**
**Kun amikaj salutoj el Germanujo**
**Hermann**



Hermann Kroppenberg
Broicher Straße 37
51429 Bergisch Gladbach-Bensberg

Mi volonte korespondas kun vi ankaŭ per la internacia lingvo

Bonaj filmetoj por junaj infanoj (5 nun pretas) ekzemple: Kiom aĝa vi estas?
http://www.youtube.com/watch?v=Md3qv2V4Ymc faris Nicole



# La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

15a Junio venis Roger, Eunice, Chris, John, Ian. Ĉiuj forprenis 10 kopiojn de la Ŝlosilo por disdoni al siaj konatuloj. Ni ne havas raporton de aliaj kluboj aŭ asocioj

# Legu kaj samtempe Aŭskultu je

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/

1. 

La Esperanta Retradio havas klaran celon: Per la aŭskultado de sonartikoloj kune kun la legado de la koncernaj tekstoj pli kaj pli da homoj havu okazon aŭdi la vivantan lingvon Esperanto kaj ili tiel akiru bonan aŭdkomprenon de la lingvo kaj sekve pli bonan parolkapablon.

Tiu celo estas nur atingebla se unuflanke la tekniko ebligas la aŭskultadon de la programoj al laŭeble multaj homoj kaj aliflanke la programoj estu sufiĉe interesaj por veki la atenton de la geaŭskultantoj. Krome la lingvo estu sufiĉe facila - precipe koncerne al la uzataj vortoj - por ebligi rapidan resp. rektan komprenon de la enhavo. Kaj ĉio funkciu sen uzo de mono, ĉar nur tiel la mondskala kunlaboro povas daŭre funkcii.

La kontribuoj al la programo venu el la tuta mondo, kio ja iel vere okazas, kvankam estas dezirinde havi pli da kontribuantoj. Sed gravas ne nur ricevi kontribuojn el la tuta mondo, sed same gravas ricevi reagojn de la geaŭskultantoj. Tio eblas per la komentoj kaj per aŭskult-raportoj. En la epoko de la internaciaj radiostacioj (antaŭ la epoko de la interreto) tio estis poŝtkartoj aŭ leteroj kaj nur tiel la koncerna radiostacio povis iom taksi kie troviĝas la geaŭskultantoj. Nun, en la epoko de la interreto tio okazas aŭtomate: Ĉiu vizito de retpaĝo estas registrita kaj eblas eltrovi el kiu lando venas la vizitanto de la retpaĝo.

Bonŝance ankaŭ la senpagaj servoj kiujn uzas la ERR liveras statistikojn kiuj indikas kiam kiom da homoj vizitis certan retpaĝon. La antaŭa provizanto Posteruso liveris datumojn pri la vizito de la unuopaj programpaĝoj kaj tiel tiam eblis ekscii kiom da vizitoj okazis ĉe ĉiu unuopa programpaĝo. Tio estis ege grava, precipe ĉar tiel eblis konstati la kreskadon de la populareco de la RetRadio. Estas tio ja granda instigo por la kontribuantoj ekscii kiom da

homoj vizitis ilian programpaĝon. Bedaŭrinde Posteruso ne liveris geografiajn datumojn kaj do nur el la komentoj eblis iomete konkludi kie troviĝas la geaŭskultantoj. Ekzemple Brazilo havis dekomence unuarangan pozicion.

Ekde kiam la ERR funkcias sur retpaĝoj de Blogspot tio ŝanĝiĝis kaj nun la statistiko liveras geografiajn datumojn. La unuan rangon plej ofte okupas laŭ tiuj statistikoj Brazilo, poste venas Francio, tiam sekvas Usono, Japanio, Pollando, Israelo, Hispanio, Hungario, Ĉeĥio kaj iom poste eĉ Aŭstrio. Nur Germanio postrestas. El Germanio kiu estas dekoble pli granda ol Aŭstrio venas malpli da vizitoj ol el Aŭstrio.

Tiu statistiko jam estas granda progreso. Ĝi montras ke averaĝe ĉiutage 1000 homoj vizitas la retpaĝaron de la ERR ĉe Blogspot. Sed ĝi ne montras kiom da homoj klakis sur la koncernan sonigilon por aŭskulti sonartikolon. Blogspot ja ne mem disponigas sonigilon, do necesas enkuŝigi fremdan sonigilon. Antaŭ nelonge mi instalis la sonigilon de Soundcloud.com kiu estas ne nur tre bela kaj ofertas la eblecon rekte elŝuti la sondosierojn, sed ĝi liveras ankaŭ statistikajn datumojn. Eblas nun konstati kiom da alklakoj okazis ĉe unuopa sondosiero kaj eblas vidi sur mondmapo el kiuj landoj venis la alklakoj dum iu certa periodo (tago, semajno, monato ...).

Do la bildo nun estas multe pli preciza. La geografiaj datumoj pli malpli kongruas kun la datumoj kiujn liveras Blogspot, sed estas granda diferenco inter vizitoj ĉe Blogspot kaj alklakoj de la sonigilo ĉe Soundcloud: Nur proksimume ĉiu deka vizito ĉe Blogspot kondukas al alklako de la koncerna sonigilo. Do homoj ŝatas rigardi la bildojn, legas la tekstojn kaj nur jen kaj jen ankaŭ aŭskultas la sonartikolon. Do estas finfine nur kelkcent homoj kiuj aŭskultas la RetRadion.

Bedaŭrinde ĝuste pri la maloftaj vizitantoj de la retpaĝaro mankas informoj pri ilia konduto kaj la kialoj. Ne eblas konstati kiom ofte la unuopaj homoj vizitas la retpaĝaron kaj alklakas la sonigilon por aŭskulti. Ankaŭ ne eblas konstati kiom da homoj nove alvenas kaj kiom forlasas la aŭskultadon - do ne eblas konstati la fidelecon.

Sed jes ja, eblas konstati ĉu okazas kreskado kaj tio por ni estas plej grava. Ni, la kontribuantoj de la ERR vidas sukceson en nia agado, se la aŭskultantaro kreskas. Dum la epoko de Posteruso tio estis tre bone konstatebla. Nun en la epoko de Blogspot kaj Soundcloud ni devas eliri de nova statistika bazo por post iom da tempo (kelkaj monatoj) konstati ĉu okazas plua kreskado.

Tio certe postulas grandan persistemon, sed la Esperanta Retradio nun laboradas en sia tria jaro kaj espereble aldoniĝos multaj pluaj jaroj. La afero ĉiukaze meritas subtenon.

Posted Yesterday by peranto

# Legio de Bona Volo en la urbo San-Paŭlo, Brazilo,

***“Bona Volo estas nemalhavebla semo por kulturado de Amo, de Saĝo kaj de Vero. Ekde ĝi oni povas rikolti, el la plantejo de la vivo, spiriton de Paco”.***

**INTERMITI**

Periode interrompiĝi kaj rekomenciĝi ordinare post egalaj intertempoj:
La lumo de la lampo komencis intermiti.
La laboro estis farita rapide, ĉar ne estis intermitoj.
"Via pulso estas intermita", diris la kuracisto.
La suno intermite brilis inter la nuboj.